

# LA VERDA LUPEO – FENIKSO




N-ro 76 | 1988/3 Decembro | 20a jaro

**Informilo de Esperanto Ligo Filatelista**
**– Faka asocio en UEA –**









**Prezidanto/Kasisto:** Ivar Paulsson, Skytteholmsvägen 29, S-171 44 Solna
**Stampobanko:** Werner Heimlich, Fröbelstr. 4, D-3040 Soltau
**UEA-konto:** elfx/r
**Kontribuaĵojn por nia informilo bonvolu sendi al la redaktoro:** Rudolf Burmeister, W.-Firl-Str. 30, Karl-Marx-Stadt, DDR-9047
**Kotizo 1989:** 60:– sv kr. 10 US-dol. = 20 IRK
**Poŝt-konto:** 51 57 85-4 I. Paulsson, Solna

---

**Novaj membroj**

Artus E. Banta, 1506 Seacoast Drive, Imperial Beach, CA 92032, USA
Bjelanoviĉ L. Dimitrije, Zahumska 23/B, Beograd, Jugoslavio
M. Dentz-Mynsbergen, Karel Doormanplein 21, 4335 GL Middelburg, Ned.
Svetla Todorova Stratieva, st. 302, bl. 329, vh.g, ap. 74, BG-1336 Sofia, Z.K. Ljulin
Zhu Mingyi, P.O. Kesto 825, ĈEL, Beijing, Ĉinio
Cvjatko Todorov, str. Vladajsko rastanie 20, II, 43, BG 9701 Ŝumen
Willy Dillis, Rotterdamstraat 59, B-2008 Antwerpen

**Nova adreso**

Prof. d-ro SO, Gilsu Korea Respubliko, Seulo, ROK-158 600, Yangchon, P.O. Kesto 12999

**Dankon!**

Al la enhavo de la informilo kontribuis:

Ĉin Kajĝi, SO Gilsu, Richard Hirsch, Koralo, Cui Haijing, Rolf Beau, Vladimir Vana, Roman Rutkowski, Gert Drucker, Hans Jankowski, Lech Kosieniak, Istvan Fekete, Elda Dörfler, Maria Amadei, Germano Gimelli, Werner Heimlich, Folgado Lopez, Kiril Hlebarov, Olga Cankova, Anton Straif, Bao Long, Zhang Linrui, Figueredo.

La afrankon de pli ol 500 svedaj kronoj donacis: Kurt Lindström

**Stampo-banko**

Petu oferton de Werner Heimlich, Fröbelstr. 4, D-3040 Soltau. Li estas al via dispono por interŝangado kaj aĉeto.

# Niaj poŝtmarkoj

## Pri la pola 45-zlota

Nia Roman Rutkowski sciigis, ke la dentumo de la pm-folioj ekzistas en du variaĵoj:
– vertikala dentumo ĝis la supra folia marĝeno
– vertikala dentumo tra la supra folia marĝeno
Ni dankas al s-ro Rutkowski pro tiu ĉi sciigo!

## Pri la 5-kopeka tutaĵo

Tiuj ekzistas en okulfrapaj kolorvariaĵoj de la surpresita poŝtmarko:
– bruna vizaĝo
– grizverda vizaĝo
Krome sciendas, ke, eltonditaj, ili validas kiel poŝtmarkoj. Mi mem ricevis plurajn normalajn kovertojn, afrankitaj per eltonditaj poŝtmarkoj.

## Pri la surinamaj

En la estrara raporto de UEA pri la jubilea jaro ni povas legi, ke tiuj poŝtmarkoj aperis "danke al la rekta instigo de UEA". Kaj en la revuo "esperanto" 7/8-88 oni notas, ke en Surinamo loĝas samideano Wim de Smet. Do: tamen tie loĝas esperantisto, eĉ konata kaj aktiva!

## "Akvonezio"

Kaj en suplemento por nia stampo-katalogo kaj en nia LVL mi informis, ke poŝtmarkoj de "Akvonezio" ne ekzistas. Mi ripetas: temas pri trompaĵoj, venditaj sur la filatela merkato en okcidentaj landoj sekve de anoncoj en movadaj kaj nemovadaj gazetoj! Tiu "Akvonezio" tute ne ekzistas, eĉ ne iu insuleto en la indikata pozicio. Mirigas min, ke tamen venis al mi demandoj pri la oficialeco de tiuj markoj. Aldoni mi volus, ke tiujn markojn produktis sperta esperantisto. Tion pruvas pluraj nomoj indikitaj en tiuj markoj kiel "Esperantologio", "Verda Kabo" ktp.

## Pri niaj pm 30 kaj 31

Gert Drucker sciigis, ke li en aúkcio akiris la raran sendentan pm 30. Tiu ĉi sendenta ankoraú ne estas en iu brazila pm-katalogo. Sed nun trovis lokon la sendenta versio de 31. Drucker skribis, ke li neniun konas, kiu posedas tiun pm sendenta.

Mi aldonu, ke en nia "Katalogo de E-pm", eldonita en Ĉinio, ambaú sendentaj estas priskribitaj kaj bilde montritaj.

## Pri la jugoslava 600-dinara

Laú la "DBZ", federacigermana filatela gazeto, n-ro 21/88, kiun mi ricevadas de nia R. Hirsch, la eldonkvanto de tiu pm estas 190.000 pecoj, presitaj en folioj kun po 8 pm kaj unu ornama talono pri Zamenhof. Jankowski nun sciigis, ke la originalaj folioj posedas nur blankan marĝenon, sen surskriboj. La mezuro de la folio: 110x131 mm.

## Averto!

Dum la roterdama UK iu "samideano" el Jugoslavio vendis unuopajn eltranĉaĵojn el la jugoslava reklamfolio, kaj eĉ la reklamfoliojn, asertinte, ke temas pri originalaj pm. La reklamfoliojn la entrepreno JUGOMARKA senpage disdonas por propagandi novajn pm-eldonojn. Dankon al nia kluba amiko en Pollando, kiu atentigis pri tiu kanajlaĵo.



### La E-pm de la PRAGA 88

Pere de nia LVL 75 jam kelkaj informoj pri ĝi vin atingis. Nun min atingis letero de V. Vana kun la jenaj klarigoj pri ĝi: "Okaze de la Tutmonda Ekspozicio de Poŝtmarkoj Praga 1988 (26.8–4.9.88) aperis interalie serio de poŝtmarkoj kun modernaj konstruaĵoj de Praha. La serio nomiĝas "Prago de la nuntempo" kaj enhavas 4 pm en valoro de 0.50 Kĉs, 2 Kĉs, 1 Kĉs kaj 4 Kĉs. La pm estas ĉiuj dentumitaj, sen kuponoj. Krom tio aperis ankaú 2 speciale aranĝitaj presfolioj (blokoj), sendentaj kaj kun kuponoj. Sur la kuponoj estas diverslingvaj tekstoj "Tutmonda Ekspozicio de Poŝtmarkoj", interalie ankaú en Esperanto.

Sur ĉiu bloko estas presitaj 2 pm en du vicoj: 1 kaj 2 Kĉs, sur la dua bloko: 0.50 kaj 4 Kĉs. En la supra vico la pm estas presitaj en la menciita ordo, en la malsupra vico en ordo renversita (vidu bildon en LVL 75). Sur la kuponoj aperas krom surskriboj blazonoj de diversaj pragaj kvartaloj kaj malgranda emblemo de PRAGA 88. Meze de la folioj maldekstre nuntempa blazono de Prago, meze stilizitaj modernaj konstruaĵoj, dekstre emblemo de la ekspozicio. Surskriboj sur la kuponoj:
0.50 Kĉs – slovaka, germana, franca
1 Kĉs – ĉeha, angla, rusa
2 Kĉs – slovaka, esperanto, ĉina
4 Kĉs – ĉeha, hispana, araba

Sur la kuponoj de la 1+2 Kĉs-folio estas malnovaj blazonoj de la pragaj kvartaloj Bubeneĉ (1 Kĉs) kaj Koŝiře (2 Kĉs). Bildoj sur la pm:
1 Kĉs – konstruaĵo de la entrepreno por eksterlanda komerco KOOSPOL,
2 Kĉs – fakultata malsanulejo en kvartalo Motol.
Desegnistino: Radana Hamŝikova, gravuristo: Miloŝ Ondraĉek.
La serio kaj ambaú folioj aperis la 1-an de julio 1988. Eldonkvanto nekonata.

### E-ekspozaĵo en la PRAGA 88

Nur unu E-ekspozaĵo partoprenis en la PRAGA 88: tiu de nia Vana kun la titolo "Ĉapitroj el la historio de Esperanto" kaj li ricevis "grandan arĝentan medalon". Gratulon al li! Mi kun edzino veturis al Prago por rigardi tiun ekspozaĵon kaj denove mi povis konstati, ke tiu ekspozaĵo de Vana estas modele farita. El ĝia konstruo mi denove multon lernis. Kompreneble, ke mi vizitis ankaú nian pioniron Dolfa Bartoŝik. Saluton al vi, kara Dolfa! En la ekspozicio mi hazarde renkontis nian Jakubec, kiu promesis aktiviĝi en niaj vicoj.

## Novaj poŝtaj stampoj

### HU 108 Jubileo en Miskolc

En la hungara Miskolc (pron.: Miŝkolc) okazis E-renkontiĝo okaze de la jubileo "75-jara Esperanto-movado en Miskolc". En ĝia kadro estis videbla E-filatela ekspozicio kun ekspozaĵoj de niaj klubaj amikoj Fekete kaj Zöld, en salono de la kulturdomo "Ronai". La poŝtstampo posedas hungaran tekston "75 JAROJ ESPERANTO MOVADO EN MISKOLC" kaj montras la daton 1988.VIII.19.

La bildo en la stampo montras stilizitan radioturon de Miskolc sur la monto "Avaŝ". Pinte sur ĝi E-stelo kun la jarciferoj 1913–1988. Dankon al Fekete pro la informoj! (Bildo en LVL 75)

## ITA 46 Nacia E-kongreso

Kun ĝojo mi ricevis salutojn el tiu kongreso de niaj Elda Dörfler, Mario Amadei kaj de Germano Gimelli. Dankon al vi pro la informoj! La ronda stampo tekstas: 59 CONGRESSO ITALIANO DI ESPERANTO kaj havas la daton 29.8.1988.

En la mezo troviĝas la emblemo de la kongreso: pordego kun E-stelo kaj strangaj mallongigoj: USTE GRES. Loko: BENEVENTO.

La organiza komitato aperigis (bedaúrinde "litotukajn") memorigajn kartojn kaj kovertojn. "Bedaúrinde" tial, ĉar sur la poŝta vojo ili certe difektiĝas, faldiĝas, kaj krome ili ne trovas lokon sur filatelaj ekspoziciaj folioj.

## ITA 45 itala maŝinstampo

Fine de novembro atingis min el nia stampobanko tiu maŝinstampo, kies teksto-parto propagandas la 59an italan Esperanto kongreson. Dekstre la ronda dato-stampo de BENEVENTO FERR. La dato en ĝi: 27 VII 1988, horo: 12–13. Al mi ŝajnas, ke niaj italaj klubaj geamikoj tute ne sciis pri ĝi.

## HI 28 Hispana kongreso 48-a

Nia estimata kluba amiko Emilio Folgado Lopez fine de oktobro sendis informojn pri la hispanaj filatelaj Esperantaj novaĵoj de la jaro 1988. 14–18 julio 1988 en Valencio okazis la 48-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO. La organizintoj zorgis pri poŝta stampo kun la supra teksto. Krome en ĝi legeblas: UNUA POSTJARCENTA KONGRESO. Kaj: FILATELA EKSPOZICIO. Bedaúrinde pri tiu ekspozicio ne atingis min informoj, do mi ne scias, kiu ekspozis kion. La stampo estas vertikale rektangula kaj montras ankaú kvinpintan stelon. Havebla estis ankaú ornamaj koverto kaj karto okaze de la kongreso kaj memoriga koverto okaze de la filatela ekspozicio. Koran dankon al sinjoro Folgado pro la informoj.

## Anoncita sed ne aperinta bulgara stampo

Nun nia Hlebarov legis en nova bulgara filatelista gazeto noton pri apero de nova E-stampo en majo 1988 en Veliko Tirnovo. Kompreneble li pro surprizo saltis de sia seĝo. Laú tiu noto tiu ronda stampo aludas la jubileon de la E-klubo en Tirnovo. Jam pli frue mi eksciis (feliĉe!) de s-ino Olga Cankova, ke la loka klubo mendis de la poŝto en Sofio tiun stampon, sed tiu stampo neniam alvenis en la poŝtejo de Tirnovo. Sekve ĝi ne estis uzata en Tirnovo. La stampo "perdiĝis" en iu burokrata ĝangalo.

## GFR 34 – Simpozio "E kaj Filatelio"

La bonan kunlaboron inter la filatelistoj kaj esperantistoj en la urbo Nürnberg dokumentas poŝta stampo, kiu estis havebla 22.09 ĝis 19-10-88 en la poŝtoficejo 8500 Nürnberg 51. En la kadro de la interurba partnereco Krakow okazis de la 5a ĝis 11a de oktobro 1988 renkontiĝo de filatelistoj el ambaú urboj. Centra aranĝo de ĝi estis simpozio kun pritrakto de la temo "Esperanto kaj Filatelio". Nia kluba amiko Hirsch prezentis al la neesperantistaj partoprenantoj prelegon pri la disvastigo de E kaj poste lumbildprelegon pri la E-filatelio. El la E-klubo de Nürnberg prezentis s-ano prelegon pri la estiĝo de E kaj biografion pri Zamenhof.

La ovala stampo tekstas germanlingve "Interurba partnereco Nurembergo-Krakovo" kaj "Okt.'88 Simpozio Esperanto kaj Filatelio" kaj montras la Heilig-Geist-Hospitalon de Nürnberg kaj la Florian-Turon de Krakow.

Ni kore gratulas al s-ino Ester Keil, prezidantino de la E-klubo kaj al s-ino Gertraud Bachhofer, prezidantino de la filatelista klubo de Nürnberg. Dankon al nia kluba amiko Hirsch, kiu sendis abundan materialon pri tiu ĉi simpozio kaj al W. Heimlich pro la salutkarto.

## GFR 35 – 100 jaroj E-grupo Nürnberg

En la jaro 1885 sufiĉe granda aro da mondlingvanoj fondis en Nürnberg Mondlingvan Unuiĝon, kiu sub la gvidado de Leopold Einstein baldaŭ fariĝis la centro de la Volapuka movado. En la decembra ĝenerala kunsido 1988, laŭ propono de sia prezidanto Christian Schmidt (pron. kristian ŝmid) tiu unuiĝo deklaris sin oficiale por Esperanto kaj nomis sin de nun ''Esperantista Klubo Nürnberg''. Tiel ĝi fariĝis la unua E-organizaĵo en la mondo.

Memore al tiu evento la E-grupo Nürnberg en la Bavara E-Ligo okazigis jubilean aranĝo de 21–23 oktobro 1988. Festprelegis d-ro Werner Bormann antaŭ gastoj el multaj landoj. La poŝtoficejo 8500 Nürnberg 1 uzis 22.10.88 stampilon kun la teksto en E: 1888–1988 CENTJARA JUBILEO ESPERANTO–GRUPO NÜRNBERG kaj en ĝia bildo ni vidas terglobon kun kvinpinta stelo. Dankon al niaj Amadei kaj Straif, kiuj sendis salutkartojn kaj al Hirsch, kiu sendis varbilon por tiu aranĝo. La stampon ni jam montris en nia LVL 75.

## ĈIN 63 – Scienco kaj Tekniko en Esperanto

Memore al ''La 2-A INTERNACIA AKADEMIA KONFERENCO PRI SCIENCO KAJ TEKNIKO EN ESPERANTO'', okazinta en Pekino de la 10-a ĝis la 16-a de aŭgusto 1988, la Changshu-a Poŝta-Telekomunika Oficejo uzis Esperantan poŝtstampon kaj eldonis Esperantan memorkoverton. La memorkoverto kaj la poŝtstampo portas paralele ĉinlingvan kaj Esperantan tekstojn (vidu supre) kaj bildon kun kosme fluganta E-stelo kaj kosmo-aeroplano. La bildo montras kombinon de Esperanto kun la nuntempa scienco kaj tekniko. Krome, en la memorkoverto estas portreto de Zamenhof kaj Esperanta devizo: PER ESPERANTO POR SCIENCO KAJ TEKNIKO.

Desegninto de la Esperantaj memorkoverto kaj poŝtstampo: Zhang Linrui (Canŝio). Sciigis: Filatela Sekcio de Pekina Esperanto-Asocio, P.O. Box 1089, Beijing-100034, Cinio.

*Noto de red.:* Nia Ĉin Kajĝi partoprenis tiun konferencon, sendis al mi salutkarton kaj sciigis, ke li renkontis vicon da E-filatelistoj tie. La konferenco disponigis ejon por E-filatela ekspozicio. I.a. estis videbla la ekspozaĵo de nia kluba amiko KORALO. Dankon al Ĉin Kajĝi, Bao Longo, Zhang Linrui k.a., kiuj sendis informojn.






## KOR 1 – Gratulon al d-ro SO, Gilsu!

Kiel fulmo el blua ĉielo min trafis la ĝojiga informo, ke nun ankaŭ en la Korea Respubliko naskiĝis aktiva E-filatela agado! Nia kluba amiko profesoro d-ro SO sukcesis konvinki la poŝtan ministerion aperigi la unuan korean poŝtan E-stampon. La stampo estis uzata la 24an de oktobro 1988 en la poŝta muzeo de la Korea Respubliko, kiu situas en la centra poŝtejo de Seulo. Tiu stampo montras nian E-stelon kaj la E-tekston: 20a KOREA KONGRESO DE ESPERANTO, 1988.10.24

La korea teksto en ĝi diras: "okaze de la filatela ekspozicio de esperanto kaj monda paco" kaj: "seulo, centra poŝtoficejo". Koran dankon, kara amiko SO, pro via granda kaj efika agado sur la kampo de la E-filatelio. Ni ĝojas, ke vi estas tiel aktiva!

## Ekspo de E-filatelaĵoj en Seulo

De la 24a ĝis la 29a de oktobro 1988 en la poŝta muzeo de Seulo okazis filatela ekspozicio pri Esperanto kaj paco. Iniciatis ĝin d-ro SO. Partoprenis apud lia ekspozaĵo pri "Esperanto kaj monda paco" 9 aliaj filatelaj ekspozaĵoj pri paco, Goethe kaj Schiller (tiel! Do ankaŭ en aziaj landoj oni skribas originale tiujn du famajn nomojn kaj tute ne bezonas esperantigon de tiuj nomoj!), pri sporto, trafiko, religio ktp.

La So-ekspozaĵo ampleksis 19 kadrojn kun 309 folioj Lige kun tiu ekspo aperis supre priskribita stampo, memoriga koverto, bone presita gvidfolio pri la ekspozicio. Eldonis ĝin la poŝta muzeo k la korea Filatela Centro, Korea Filatela Federacio kaj la Hanbot Amika Rondo por Filatelistoj. Gratulon al D-ro SO!

## Korea filatela gazeto pri la ekspo

Okaze de la ekspozicio SO estis petata de la Korea Filatela Gazeto skribi artikolon pri E, kaj en la oktobra numero ĉiuj filatelistoj en la Korea Respubliko povis legi ĝin. La redakcio ankaŭ petis lin verki serian kolonon pri la E-filatelio. Tion klopodas SO realigi helpe de malnovaj numeroj de LVL, kiujn li serĉas.

## GDR 37 – Grabowski

Portreto pri A. Grabowski pozas en tiu ĉi nova stampo el GDR, eldonita okaze de la "Tago de la Esperantolibro". La stampo estis havebla de 1–30.11.1988 en la ĉefpoŝtejo de Leipzig. Informis Rolf Beau. Dankon al li!

## AREK-anoj rendevuos en Leipzig

Nia kluba amiko Rolf Beau proponas por niaj klubaj geamikoj ELF-AREK-rendevuon de la 10a ĝis la 12a de marto 1989, tuj antaŭ la Printempa Foiro de Leipzig. La 11an ni kunvenas en la E-klubejo de Leipzig. La partopreno estos senpaga. Interesuloj sin turnu al nia Rolf Beau, Jakobstr. 9, Leipzig, DDR 7010. IFER sekvontjare ne okazos. Tranoktejojn li peras ĉe E-istoj. Eble mi iom fuŝis kompilante tiujn ĉi liniojn, ĉar la informo atingis min lastminute!

## Pri argentinaj stampoj

Kun ili jam ĉiam ni havis problemojn, ne solvitaj ĝis nun. Nia amiko Figueredo sendis kopiojn el katalogoj aŭ gazetoj, kiuj ŝajne pruvas neĝustecon de niaj katalogaj informoj. Laŭ tiuj la sms (AR 2 kaj 3) funkciis:
5–15.3 en C. (Cordoba?) Central
18.3–2.4 en Cordoba
20.3–2.4 en Rosario kaj krome oni informas pri rektangula sta:
30.3–2.4 en Rosario (viola)

Tiuj notoj troviĝis ankaŭ en la sta-katalogo de 1965 de EKIK. Sinjoro Luis Vicino el Argentino tiujn notojn poste korektis al la nunaj notoj. Laŭ li en C. Central ne funkciis tiu ms, la rektangula laŭ li ne estis poŝta, kaj la ms ne funkciis en C. Central kaj Cordoba, sed en Buenos Aires kaj en Rosario. Fakto estas, ke neniu el niaj klubanoj posedas (aŭ informis) ms de C. Central aŭ Cordoba. Krome Vicino loĝas (loĝis) en B. Aires kaj sekve scias pri la uzo de tiu ms en B.A.

Ne ĉiam estas fidindaj informoj en fila-gazetoj, por tio ekzistas multaj pruvoj. Ekz. la ms GDR 2 laŭ ministeria informo en filagazeto de GDR funkciis nur en Karl-Marx-Stadt. Sed: tie la stampomaŝino difektiĝis, eĉ ne unu stampo sukcesis kaj sekve oni sendis la stampilon sinsekve al tri aliaj poŝtejoj: Glauchau, Oschatz kaj Wismar. Sed pri tio neniam aperis informo. Aŭ: nia SU 1 en la unua poststalintempa sta-katalogo ne troviĝis. Multajn jarojn post ĝia eldono oni retrovis tiun stampon kaj donis al ĝi lokon. Hodiaŭ ĝi laŭpreze konkurencas kun la 300-dinara E-pm! sur la profesifilatela merkato.

Do, kara amiko Figueredo, mi dankas al vi pro la alsendo de la eltranĉoj. Mi urĝe petas niajn klubajn amikojn, kontroli siajn argentinajn posedaĵojn, ĉu ekkoneblas datoj aŭ urbonomoj en tiu ms, aparte nian W. Simon, kiu posedas preskaŭ ĉion. Bv. informi min kun aldono de kopio!

# Nia Dolfa Bartoŝik

## Elstara E-filatelisto kaj grafikisto

En la "Enciklopedio de E" de 1933 ni legas pri li: "D.B., ĉeho, instruisto, grafikisto ka desegnisto. Nask. 1 majo 1907 en Borĉice. E-isto de 1926 . . ." Mi povas aldoni: D.B. gvidis multajn E-kursojn, oficis en la E-Domo de Nederlando. Batalis dum la 2a mondmilito aktive kontraŭ la germana faŝismo.

D.B. apartenas al la unuaj, kiuj okupiĝis pri la E-filatelio kaj li ne nur kolektis por la albumo. Li kun siaj E-filatelaj ekspozaĵoj partoprenis en cento da filatelaj, ekstermovadaj, ekspozicioj por propagandi Esperanton. Tion ankoraŭ hodiaŭ li praktikas kun elstaraj rezultoj. Sian plej altrangan medalon, la oran, li ricevis en Berlino en int. filatela ekspozicio. Siajn riĉajn filatelajn spertojn li peris al tuta vico da ĉehaj E-filatelistoj, kiuj hodiaŭ sukcese ekspozicias.

D.B. faris abundon da grafike elstaraj E-glm, porokazaj E-grafikaĵoj, lignogravuritaj ekslibrisoj. En mia kolekto troviĝas multaj de li faritaj glumarkoj, i.a.: 1936: E-kgr Leuwarden. Kaj pri E-tagoj, E-kgr, tendaroj, jubileoj, fondiĝoj de kluboj, propagandaj E-glm. Inter ili ankaŭ folio de propagandaj E-glm el Danlando de 1956, per kiu li gajnis unuan premion de internacia konkurso.

Multaj el ni posedas salutkartojn okaze de novjaro, faritajn de li. Ili estas belaj E-grafikaĵoj kiel ankaŭ tiu membriga karto farita de li okaze de Melnik'a Esperantista Renkontiĝo 1977. Nia Bartoŝik ankaŭ ellaboris vicon da portretoj pri famaj E-istoj: Zamenhof, Baghy, Kei Kurim k.a. Tiujn portretojn faritajn de li ni ĉiam denove renkontas ie en la mondo, uzitaj por iuj memorkartoj aŭ aliaj materialoj.

Mian "Bartoŝik-kolekton" kompletigas du lignogravuritaj ekslibrisoj bartoŝikaj. Do, jen eta bildo pri unu el niaj membroj, kiu ekde la komenco apartenas al nia klubo kaj ankoraŭ hodiaŭ estas aktiva membro. Kara Dolfa, ni deziras al vi multajn feliĉajn horojn en la rondo de viaj familianoj kaj daŭran ĝojon en la E-filatelio!

## Changsha-a Esperanto Filatelista Ligo

fondiĝis la 28an de februaro 1988. La fondintoj aperigis nepoŝtan memorigan koverton kaj nepoŝtan (ruĝan) memorstampon. Dum la fondkunveno okazis filatela ekspozicio kun 6 ekspozantoj pri Esperanto, inter ili nia KORALO (kiu delonge obstine silentas). Ni gratulas kaj deziras fruktedonan laboron.

## SO Gilsua ekspozicio

En ekspozicia katalogeto eldonita okaze de la ekspo en la korea poŝta muzeo mi trovis interesan sciigon: En printempo 1988 okazis en Seulo filatela ekspozicio. Tie nia SO, Gilsu unuafoje prezentis sian ekspozaĵon pri Esperanto kaj ricevis broncan medalon. Gratulon al vi! Poste Gilsu montris sian ekspozaĵon en ekspozicioj de la olimpika kongreso de sportosciencistoj kaj en la kadro de la Societo de Amikeco Koreujo-FRG.

## Cui Haijing ekspoziciis

1988.09.11–18 okazis en tiu okcidentĉina urbo filatela ekspozicio. Partoprenis nia Cui Haijing kun sia ekspozaĵo "Esperanto-Poŝto-Filatelo" kun 48 folioj. Li ricevis ateston de merito en unua rango kaj premion. Gratulon al vi!

## Nova tutaĵo el GFR

Okaze de la simpozio "Esperanto kaj Filatelio" de la filatelista renkontiĝo 1988 en la kadro de la interurba partnereco Nurembergo-Krakovo, la filatelista klubo de Nürnberg-Langwasser mendis de la poŝto tutaĵo-poŝtkarton. Tiu poŝtkarto aperis kun surpresita poŝtmarko en nominalo de 60 pfenigoj.

En la maldekstra adresflanko estas la germanlingva teksto: "Interurba partnereco Nurembergo-Krakovo, Filatelista renkontiĝo 1988, Simpozio Esperanto kaj Filatelio". Por la bildo sur ĝi oni elektis du glumarkojn el tre rara glumarkfolio kun 16 div. E-glumarkoj, eldonita okaze de la Laborista Esperanto Kongreso 1928 en Nürnberg. Ili ne estas datumitaj kaj sekve ne trovis lokon en la Jensen-katalogo. La folio estas en la kolekto de R. Hirsch, kiu sendis al mi kserokopion. Bildojn pri tiu tutaĵo, pri la stampo, la glumarkfolio, artikolon pri la E-filatelio kun multaj ilustraĵoj ni trovas en festgazeto MOTIVA, eldonita de la filatelista klubo, kun salutvortoj de la ĉefurbestro de Nürnberg, doktoro Schönlein. Al mi tre plaĉas la enhavo de tiu festgazeto, ĉar ĝi peras abundon da sciindaĵoj pri la tuta aranĝo, eĉ pri la figuroj en la stampo. Gratulon al ĝia redaktoro, sinjoro Lothar Wilhelm.

## Aperis tutaĵo GDR 58

Antoni Grabowski (1857–1921), pola esperantisto ekde 1887, la unua kun kiu Zamenhof parolis en Esperanto, tradukis 1888 la rakonton "La Neĝa Blovado" de Puŝkin en nian lingvon. GDREA, loka klubo de Leipzig, nun aperigis E-poŝtkarton kun alpreso kaj portreto pri Grabowski okaze de la "Tago de la Esperanto Libro 1988".

## Tutaĵkatalogo de Vana

Du jarojn post la apero de la esperantlingva versio mi pri ĝi eksciis. Jam 1983 aperis la ĉeha eldono kaj 1986 en Esperanto. Legendas la enkonduka "vorto de la aŭtoro". Tie Vana notas, ke li notis ĉiujn de li trovitajn tutaĵojn kaj ke li supozas la ekziston de pliaj tutaĵoj. Pri tiuj, aŭ pri eventulaj suplementaj notoj oni bonvolu lin informi por povi precizigi eventualan postan kompletigotan eldonon.

La katalogo estas dividita laŭ maniero de tutmondaj katalogoj: alfabete laŭ unuopaj landoj kaj en ili laŭ unuopaj specoj de tutaĵoj. Vana skribas, ke formularoj sen alpresita pm ne apartenas al tutaĵoj (ekzemple unuatagaj kovertoj) kaj tial ne estas lokitaj en tiun katalogon. Li ankaŭ ne notis la "duonprivatajn" tutaĵojn de Pollando, Bulgario kaj GDR, kvankam tiaj tutaĵoj trovis lokon en iuj naciaj katalogoj (Bulgario kaj GDR). Kompreneble Vana rajtas tion kiel aŭtoro.

Informojn pri tiuj vi tamen povas trovi en nia LVL kaj krome ĉiu kritikanto rajtas kompili katalogon pri tiuj duonoficialaj tutaĵoj. Mi opinias, ke ĉiu E-filatelisto devus posedi tiun bonegan katalogon, kiu ŝtopis unu el la lastaj truoj en nia E-filatela literaturo. Ni devas danki al Vana pro la granda laboro, kiun li havis dum pli ol 12 jaroj por povi kompili ĝin.

## Nove ricevitaj glumarkoj

Unua renkontiĝo de GDR-jun-esperantistoj
Biesenthal, 1988, (bildo: erinaco kun vojmontrilo)
E por paco kaj progreso, Karl-Marx-Stadt '88, memgluaj, 6 kolorvariaĵoj
74a UK, Brighton, Anglujo. Memgluaj, heroldo kun sonorileto.
62a SAT-kgr, Bavario, 1989, memglua kun teksto Penu Por Paco

*Noto:* Tre malofte atingas min sciigoj pri novaj glumarkoj kaj mi havas la impreson, ke pro iu kaŭzo oni bojkotas la informadon pri glumarkoj. Se niaj listoj en LVL pri novaj glm estas ege truohavaj, tiam ne kulpas la redaktoro.

## Hirsch en erinnofilista ekspozicio

Fine de oktobro 1988 okazis en Svislando jubilea "erinnofila" (glumarka) ekspozicio. Nia Hirsch tie ekspoziciis sian glumarkan ekspozaĵon pri la E-movado kaj ricevis oran medalon! Koran gratulon al vi!

Hirsch skribis, ke en la ekspozejo li renkontis plurajn interesajn kolektantojn kaj konatiĝis kun ili. I.a. la filinon de la fama kolektanto Rampacher, kiu jam delonge mortis. Hirsch informis, ke li posedas nun 10 albumojn, plenaj de glm. Li opinias, ke la ĝeneralaj varbmarkoj estas problemo por si mem kaj grandparte ili estas ne listigendaj, nek laŭlande nek laŭ aperdato.






Städtepartnerschaft Nürnberg–Krakau

Philatelistentreffen 1988

Symposium „Esperanto und Philatelie"







# FELIĈAN NOVJARON 1989